# J a r r a p o r t o

pri la agado de

la „Universala Asocio de Blindul-Organizaĵoj"
(antaŭe la „Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj")

dum la jaro 1931.

===================

Konforme al § 19 de la statutoj de la „Universala Asocio de Blindul-Organizaĵoj" la sekretarioj de tiu ĉi asocio jen prezentas **raporton** pri la agado dum la jaro 1931.

Esperanto-Propagando.

Kiel ĝeneralan prijuĝon pri la agado dum la jaro oni povas diri, ke ĝi estas karakterizata per vigla entreprenemo, precipe sur la kampo de Esperanto-propagando. Kvankam nia organizaĵo neniel okupas sin per teoriaj spekulacioj pri tuthomara lingvo, sed havas sian bazon kaj fundamenton tute kaj sole en la praktika vivo, estas nature pro la internacia karaktero de ĝia agado, ke ĝi devas dediĉi grandan parton de sia energio al la klopodado, disvastigi nian internacian lingvon, kiu ja estas la ĉefa, nepre nemankebla ilo por nia tuta agado. Ni memoru, ke U.A.B.O. volas esti mondunuiĝo kun kunlaborado de la blinduloj mem, reprezentataj de blindulfakaj spertuloj, ne nur de kelkaj lingvosciuloj. - Do ni unue raportu pri la propaganda agado de nia organizaĵo.

En aprilo 1931 okazis en New York la „mondkongreso pri blinduloj" (World Conference on the blind), kiun partoprenis laborantoj por la blindulafero el 37 landoj. Laŭ la nombro de la reprezentitaj nacioj la kongreso estis certe la plej granda en sia speco ĝis nun kunveninta, kaj laŭ sama vidpunkto ankaŭ la plej internacia. Sed la kongresa lingvo estis angla. La reprezentantoj de landoj, kie la angla lingvo estas parolata, parolis sian gepatran lingvon kaj do facile, senpene, komforte povis aŭskulti ĉion parolatan, dum la aliaj devis kontentiĝi je tiuj fragmentoj, kiujn ili eble povis kapti parte per sia anglelingva scio, parte per la genia, sed malperfekte funkcianta interpreta sistemo aplikita, dum kelkaj el malgrandaj landoj komprenis fakte neniom kaj

nenion. Kompreneble, personoj, kiuj ne perfekte regis la anglan lingvon, do tre malmulte kapablis partopreni la diskutadojn aŭ iel ajn influi la laborojn de la kongreso. Kelkaj blindaj esperantistoj partoprenis, kaj du referatoj pri Esperanto estis preparitaj. Ambaŭ tamen estis malakceptataj pro tio, ke la kongresprogramo - - jam kelkajn monatojn antaŭ la kongreso - estis tro plena. Tuj antaŭ la kongreso s-ro W. P. Merrick havis interparoladon kun la sekretario de la programa komitato, s-ro W. M. G. Eagar, kiu kompleze promesis, fari sian eblon por ke malgranda raporteto pri Esperanto en servo de la blindulafero estu iel prezentata al la kongreso. S-ro Merrick koncize kaj lerte skribis tian raporteton. Ĝi enhavis unue jenan rektan peton al la kongreso:

„al la World Conferenco on the blind, New York,

aprilo 1931.

La komitato, delegitoj kaj membroj de la Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj serioze petas la kongreson, konsideri la grandan gravecon de Esperanto kiel helplingvo por la blinduloj, kaj konsiderante multajn faktojn, el kiuj kelkaj estas tie ĉi mallonge notitaj, bonvolu rekomendi, ke Esperanto estu ĝenerale instruata en la lernejoj por la blinduloj en la tuta mondo."

Post nomoj de la komitatanoj kaj la deligitoj, s-ro Merrick skizis en admirinde koncizaj alineoj la utilecon de Esperanto al la blinduloj, sub jenaj rubrikoj:

„Esperanto kiel helplingvo por la blinduloj",
„Esperanto en lernejoj",
„la Esperanto-gazeto kaj la publikigaĵoj",
„Esperanto jam instruata en lernejoj por la blinduloj",
„naciaj societoj de blindaj esperantistoj" kaj
„la socia valoro de Esperanto" -

la tuta skribaĵo ampleksante nur ok brajlajn paĝojn La raporteto

de s-ro Merrick estis disdonata brajle inter la blindaj kongresanoj, dum la vidula Esperanto-societo de New York disdonis inter la vidantaj kongresanoj fortan alvokon, en kiu oni petis, ke la internacia lingvo estu uzata en internaciaj kongresoj de la blinduloj. Kelkaj el la ĉeestantaj blindaj esperantistoj, precipe s-ro J. P. Neary el Dublin (Irlando), pledis en paroladoj por Esperanto, kaj kelkaj el la Esperantistoj kunvenis en „Ĉirkaŭtabla rondo", por diskuti pri tio, kio estas farebla, por atentigi pri la ege utila ilo, kiun posedas la blinduloj en Esperanto. Tiu kunsideto esprimis la deziron, ke la Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj per petskriboj kaj alimaniere memorigu pri Esperanto ĉiujn internaciajn kongresojn por la blinduloj.

Kaj la rezulto de nia agado en la New York-a kongreso? Pesimisto eble respondus: „Nulo! Nenio!" Sed ĉiu pensema homo, ĉiu sciencisto konsentas, ke aganta forto ne p o v a s resti senrezulta. Ni agis en la New York-a kongreso, kaj ni agos en ĉiuj gravaj internaciaj kongresoj por la blinduloj, kaj ... ago ne povas resti senrezulta. Multaj aŭdis eble en New York la unuan fojon pri la utileco de Esperanto por la blinduloj; aliaj ricevis memorigon pri tiu afero jam antaŭe aŭdita.

Sed nia agado komencita en New York ne ĉesis kun la disiĝo de la kongreso. Ĝi daŭras kaj daŭros. Laŭ propono de la dua prezidanto de U.A.B.O., s-ro Albert Masselier, la sekretarioj de U.A.B.O. sendis lastan aŭtunon cirkuleron al la plej gravaj, tutnaciaj blindulunuiĝoj de la mondo, en kiu la

stato de la Esperanto-movado inter la blinduloj estis koncize sciigata. Tie ni mencias nian mondampleksan agadon; nian internacian gazeton Esperanta Ligilo, kiu jam fondiĝis en jaro 1904 kaj nun havas milon da legantoj en trideko da landoj; la estiĝon de U.A.B.E. en la jaro 1923; la eldonadon dum la lastaj jaroj de esperante kaj brajle presitaj verkoj de internacia intereso (vidu specialan liston); niajn internaciajn Esperanto-kongresojn; la grandajn malfacilaĵojn de tiuj, kiuj partoprenas internaciajn kongresojn kun n a c i a lingvo kiel kongreslingvo, kompare al tiuj partoprenantoj, kiuj havas tiun kongreslingvon por gepatra lingvo kaj do ĝuas terure maljustan privilegion; la disvastiĝon de Esperanto inter la blinduloj; la deziron jam esprimitan de multaj blindulunuiĝoj, ke Esperanto estu oficiale enkondukata en la instruplanon de la blindullernejoj la nombron de blindullernejoj en ĉiu lando, kie, laŭ certa sciiĝo Esperanto estas devige aŭ libervole lernata; brajlajn gazetojn, en kiuj estas esperantofako; kaj la eblecojn de Esperanto por la estonteco. La cirkulero, kiu estas ankaŭ enpresita kiel traduko en kelkajn naciajn gazetojn, finas per peto, ke la blindulunuiĝoj bonvolu akcepti jenan rezolucion:

„Konsiderante la grandan valoron, kiun havas por la blinduloj la internacia helplingvo Esperanto, ni deziras:

ke la internacia konsilantaro por la blinduloj kaj la internacia oficejo por blindulafera kunlaborado, deciditaj de la blindulkongreso en New York 1931, alprenu kaj uzu Esperanton kiel sian laŭstatute oficialan lingvon;

ke la menciitaj institucioj prenu por unu el siaj taskoj la agadon por disvastigi scipovon de Esperanto inter la blinduloj;

ke la blindulorganizaĵoj ĝenerale uzu Esperanton por ĉiuj interrilatoj kun samsortanoj en aliaj landoj, kaj
ke Esperanto estu oficiale instruata en la blindullernejoj de nia lando."

La cirkulero kaj la rezolucio estis ĝenerale akceptata kun granda simpatio, pruvo, ke la antaŭjuĝo, tiel malinda al nia samtempularo, nun komencas cedi al scio, klereco kaj praktika adaptiĝemo. En la arĥivo de U.A.B.O. nun kuŝas ekzempleroj de la menciita rezolucio, bonorde subskribitaj (do aprobitaj) de la jenaj blindulunuiĝoj:

| | |
|---|---|
| Dansk Blindesamfund | (dana blindulfederacio), |
| Suomen Sokeain Liitto | (federacio de blinduloj en Finnlando), |
| Sokeain Keskusliitto | (la centra blindulfederacio Finnlando), |
| Vakok Tàrsasköre | (blindulasocio, Hungarlando), |
| Vakok Szövetsege | (federacio de blinduloj, Hungarlando), |
| Irish Association for the blind | (Irlanda asocio por blinduloj), |
| Drwavni Zavod za slepe u Zagrebu | (Jugoslavio) |
| Ljubljansko Potporno Drustvo Slepih u Ljubljani | (Jugoslavio), |
| Nederlandsche Blindenbond | (nederlanda blindulligo), |
| Norges Blindeforbund | (la blindulfederacio de Norvegujo), |
| Zwiazek Stowarsyszen Ociemniylych Zolniery r.p. | (militblindula unuiĝo, Polujo), |
| de Blindas Förening „Hoppet" | )„La espero", asocio de la blinduloj, Svedujo. |

la tri plej gravaj francaj unuiĝoj

Union des aveugles de guerre,
Amietié des aveugles de France,
fédération des aveugles civils kaj
Association Valentin Hay

jam antaŭ ricevo de la menciita cirkulero estis alprenintaj deziresprimon, ke Esperanto estu oficiale instruota en ĉiuj blindullernejoj en la tuta mondo. Krome, kompreneble, ĉiuj naciaj unuiĝoj, kiuj kune formas U.A.B.O.-n, tutkore subskribis

aŭ subskribos la rezolucion.

Kelkaj aliaj estraroj de blindulorganizaĵoj esprimis esperon pri alpreno de la rezolucio, kiam la kompetentaj kunsidoj okazos. Nenio montras pli klare ol alpreno de la de U.A.B.O. proponita rezolucio, ke ni marŝas antaŭen rekte kontraŭ nia celo kape de aro konstante kreskanta.

Egale grava, kiel la internacia, estas la nacia propagando de Esperanto. Altvalora, memorinda laboro por disvastigo de scioj pri Esperanto estas plenumataj de naciaj delegitoj de U.A.B.O.. Kelkaj el ili gvidas kursojn por samsortanoj. Aliaj helpas pri la esperantofakoj de naciaj brajlogazetoj. Tiuj fakoj ekzistas laŭ nia scio, en jenaj naciaj brajlogazetoj:

Dansk Blindesamfund (Danujo),
De Blindas veckoblad (Svedujo),
Norges Blinde (Norvegujo)
The Blind citisen (Irlando),
The School magazin (Anglujo),
The Tribune (Anglujo),
Zora (Ĉeĥoslovakujo)

Multaj blindullernejestroj nun komprenas la grandan gravecon de la internacia helplingvo al siaj lernantoj. Dum la jaro 1930 Esperanto estis, laŭ certa sciiĝo, instruata en

8 germanaj,
4 nederlandaj,
3 aŭ 4 polaj,
3 ĉeĥoslovakaj,
3 jugoslavaj,
2 italaj,
1 franca,
1 norvega,
kelkaj rusaj kaj
kelkaj japanaj blindullernejoj.

Sed tre verŝajne ĝi estas instruata ankaŭ en nombro da aliaj tiaj lernejoj. Post tiam ni sciiĝis pri esperantokursoj en Anglujo, Danujo kaj Svedujo.

La rorganizado de U.A.B.E.

Unu el la plej gravaj okazintaĵoj en la vivo de nia internacia organizaĵo estis sendube la alpreno en jaro 1931 per ĝenerala voĉdonado de la revizitaj statutoj.

La ŝanĝo de nomo de la organizaĵo de „Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj" al „Universala Asocio de Blindul-Organizaĵoj" iĝis necesa per la nova rolo, kiun pli kaj pli nia federacio devos ludi en la internacia vivo de la samsortanaro. La epoko de ekskluziva propagando en la historio de nia federacio estas pasinta. De nun, apud nia propaganda laboro, ni devos pli kaj pli dediĉi tempon, fortojn kaj monrimedojn al solvado de praktikaj, internaciaj problemoj.

Kiel oni scias, la komitato de U.A.B.E. ĉiam diskutadis praktikajn blindulaferajn demandojn, sed la eksterularo opiniis, ke la organizaĵo estis kreita sole por okupiĝi pri pure lingvaj demandoj. Por pli facile povi korekti tiun ĉi miskomprenon ĉe la ĝenerala publiko, kaj por ebligi al neesperantistaj naciaj unuiĝoj de blinduloj aliĝi al nia federacio, oni prezentis al la oka internacia kongreso de blindaj esperantistoj en Budapest 1929 proponon pri ŝanĝo de nomo de la organizaĵo kaj pri ŝanĝo de ĝiaj statutoj. Tiu kongreso elektis komisionon por prilabori la statutojn. La komisiono prezentis sian proponon en Esperanta Ligilo dum julio 1930. En decembro de la sama jaro aperis en Esperanta Ligilo ankoraŭ kelkaj ŝanĝoproponoj, kaj kun la januara numero de Esperanta Ligilo de 1931 voĉdoniloj por la ĝenerala voĉdonado estis alsendataj al la legantoj de la gazeto. La kalkulado de la voĉdoniloj ĉe la templimo (junio 1931) konstatigis, ke la

monŝanĝo kaj la revizitaj statutoj estis alprenitaj per 122 voĉoj kontraŭ 9.

Per tiu decido de la membraro la asocio enpaŝas novan epokon de sia evoluado, epokon de praktika laboro.

Pro la menciita ŝanĝo de statutoj, la organizaĵo ne plu havas individuajn membrojn sed estas federacio de naciaj blindulunuiĝoj.

Ĉe la fino de la jaro 1931 la nombro de membroorganizaĵoj de U.A.B.O. estis dekunu, nome:

| | |
|---|---|
| blindaj esperantistoj loĝantaj en hungara regolando (Belhoro), | Hungarlando, |
| blindulesperantista grupo „balkana stelo", | Bulgarujo, |
| dana asocio de blindaj esperantistoj (Dabe), | Danujo, |
| esperanto-blindulligo en Germanujo (Eblogo), | Germanujo, |
| franca asocio de blindaj esperantistoj (Fabe.), | Francujo, |
| japana asocio de blindaj esperantistoj (Jabe.), | Japanujo, |
| nederlanda societo de blindaj esperantistoj (Nosobe.), | Nederlando, |
| societo de ĉeĥoslovakaj nevidantaj esperantistoj (Socne.), | Ĉeĥoslovakio, |
| Steleto, | Finnlando, |
| sveda asocio de blindaj esperantistoj (Sabe.), | Svedujo, |
| Zwiazek stowarzyszen ociemnialych zolnierzy r.p. (pola unuiĝo de militblindigitoj), | Polujo. |

---

## El la sekretariejo de U.A.B.O.

Estis dum jaro 1931 elsendataj pli ol 400 leteroj, enhavantaj plejparte sciigojn diversspecajn pri aferoj koncernantaj la blindulojn de ĉiuj partoj de la mondo. La sekretarioj de U.A.B.O. estas en konstanta kaj firma kontakto kun la aliaj komitatanoj kaj kun la naciaj deligitoj, per kio la nacia laboro por nia afero estas viglige influata. La korespondado inter la individuaj blinduloj en la tuta mondo konstante kaj rapide kreskadas, per kio pli kaj pli plenumiĝas la ĉeftasko de nia federacio: plej eble intime kunigi la tutmondan senvidularon.

---

## La deka kongreso de blindaj esperantistoj.

La deka kongreso de blindaj esperantistoj okazis en Krakow, Polujo, en komenco de aŭgusto 1931 en aliĝo al la 23a Universala Esperanto-Kongreso. Kvin nacioj estis reprezentataj en la blindulfaka kongreso kaj multaj valoraj sciigoj estis interŝanĝataj por bono de la blindulmovado. Dank' al la simpatio de d-ro Bujwid, la malavaraj favoroj de la L.K.K. kaj la konstanta prizorgo de f-ino Weinsberg kaj ŝiaj helpantinoj nia deka iĝis plena sukceso, kaj bedaŭrinde nur estis, ke tiel malmultaj el ni povis partopreni. Pro la sukceso ni ankaŭ dankŝuldas al la samsortanoj Julius Hasselbach, Berlin-Neukölln, prezidanto de nia deka, kaj Arno Küchel, Novy Sacz (Polujo), dua prezidanto, kiuj faris ĉion por utiligi la kunvenon por profito de la blindulafero.

---

## Listo de verkoj eldonitaj de U.A.B.O.

En fino de la jaro 1931 la verkoj eldonitaj brajle kaj esperante de U.A.B.O. estis la sube menciitaj. La cifero post ĉiu verko sciigas la prezon laŭ svisaj frankoj. La libroj estas mendeblaj kaj pageblaj ĉe la delegitoj de U.A.B.O., kiuj sendas la monon al la kasisto, s-ro W. P. Merrick, Penso, Shepperton (Anglujo), kaj la mendon al la presisto, s-ro. H. Thilander, Stocksund (Svedujo). La mendo estas sendebla ankaŭ rekte al la presisto.

| | |
|---|---|
| „brajla muziknotacio", tri kajeroj kvartformataj, | 2,00 |
| „esperanta stenografio", unua kajero (lernolibro) oktavformata | 0,60 |
| „generala adresaro de blindaj esperantistoj", du kajeroj, oktavf., kune | 2,00 |
| „flagoj de la nacioj", du kajeroj, oktavformataj, | 2,00 |
| „naciaj literoj", la unua, dua, tria, kvara kaj sepa kajeroj, oktavformataj, kune | 4,00 |
| „tuŝbildoj", oktavformata, | 0,65. |

---

## Libroj vendataj profite de Esperanta Ligilo.

Dank' al la nobla bonkoreco kaj komprenemo de s-ro direktoro Veljko Lj. Ramadanoviĉ, Zemun (Jugoslavio), kaj al la American Braille Press, la sekvantaj verkoj estas vendataj profite de Esperanta Ligilo aŭ donacataj al tiuj, kiuj deziras posedi ilin sed pro diversaj kaŭzoj ne povas pagi. La ciferoj post ĉiu verko montras la prezon laŭ francaj frankoj. Mendo kaj mono estu sendataj al la naciaj delegitoj, kiuj sendas monon al la kasisto de U.A.B.O., s-ro W. P. Merrick Penso, Shepperton (Anglujo), kaj mendojn al s-ro H. Thilander, Stocksund (Svedujo), al kiu mendoj estas ankaŭ individue sendeblaj.

„kursa lernolibro", du volumoj, 35
„sintakso de esperanto" 15
„lingvaĵ respondoj" de Zamenhof 20
„ni vojaĝas al Jugoslavio" de
d-ro Helen Keller 5.

---

La komitato de U.A.B.O.

prezidantoj: s-ro Joseph Kreitz,
Herkulesstr. 97, Köln-Ehrenfeld,
Germanujo,
s-ro Albert Masselier,
Neuilly-Plaisance, (Seine-et-Oise),
Francujo,

sekretarioj: s-ro Harald Thilander,
Stocksund, Svedujo,
s-ro R. Israels,
2 exloermond, Nederlando,

kasisto: s-ro W. P. Merrick Penso, Shepperton,
Anglujo,

konsilantaj anoj: s-ro direktoro Veljko Lj. Ramadanoviĉ,
instituto por blindujoj Kralja
Aleksandra I, Zemun, Jugoslavio,
s-ro d-ro Miklos Bano,
Erzsebet-körut 16, Budapest, VII,
Hungarlando,.

---

Delegitoj de U.A.B.O.

Argentinio: s-ro Julian Baquero, Pedernero 502 flores,
Buenos-Aires,
Australio: f-ino Tilly Aston, 42 Raleigh st. Windsor,
Melb. victoria.
s-ro W. L. Waterman, Roebuck st. 60,
Mile end, South-Australia.
Austrujo: f-ino Steffi Zehetner, Am Tabor 6,
Wien II,
Belgujo: s-ro Jean Pascal, 67, avenue Wielemans
Ceuppens, Forest lez Bruxelles.
s-ro Charles Delahouse, Place Crombeke
n-ro 7, Tuquet, Mouscron.
Brazilio: s-ro F. A. de Almeida, jr. av. Paulo de
Frontin 345, Rio de Janeiro.
Bulgarujo: Blindul-Esperantista Grupo „Balkana Stelo"
ul. Liuben-Karavelov 44, Sofia.
Ĉeĥoslovakio: f-ino Emilie Suchardova, Praha, Nove
Vysoany, Zizkova ul. 181, Domovina
Slepcu, Bohemio,

ĉilio:

| | |
|---|---|
| Ĉilio: | s-ro Luis E. Sepulveda Cuadra, Calle de Washington 1298, Santiago. |
| Danujo | f-ino Agnes Melchior, det kgl. blindeinstitut, Refsons, Kalundborg. |
| Finnlando: | s-ro Robert Bergh, Sjötullsgatan 15, Helsingfors. |
| Francujo: | s-ro Albert Masselier, Neuilly-Plaisance (seine-et-Oise). |
| Germanujo: | s-ro Edgar Keil, Biesenthal bei Berlin, Bahnhofstr. 142a. |
| | s-ro Karl Halfmann, Krefeld-Forsthaus. |
| Grand-Britujo: | s-ro W. P. Merrick, Penso, Shepperton. |
| Hispanujo: | s-ro Jakobo Bellfort, Rambla de Cataluna 127 2o 2a, Barcelona. |
| Hungarlando: | s-ro doktoro Bano Miklos, Erzsebet-körut 16, Budapest.VII. |
| Italujo: | s-ro doktoro A. R. Tancredi, Regia scuola avviamente commerciale, Savona. |
| Japanujo: | s-ro T. Kumagai, Ube Kiristo Kyokai, Ube-Shi, Yamaguchi-Ken. |
| | s-ro T. Torii, the Kyoto municipal school for the blind, Kyoto. |
| Jugoslavio: | f-ino Ljubica Kranjcevic, Mesnicka ul. 34, Zagreb. |
| | s-ro Alojzij Levstek, Ljubljana pod Tranco 2. |
| Nederlando: | s-ro R. Israels, 2 Exloeremond. |
| Norvegujo: | s-ro E. Imsdahl, Rosenkrantzgatan 5, Bergen. |
| Polujo: | s-ro Zygmunt Sobolta, Lwow, ul. Pelczynska 1. 7 A. |
| Rumanujo: | f-ino Jenny Kohn, Alba iulia. |
| Svedujo: | s-ro Harald Thilander, Stocksund, |
| Svisujo: | s-ro L. Grassi Hotel Via nassa, Lugano. |
| Usono: | s-ro E. M. Middleton, Greenfield, III. |

---

## Nia vojo.

„tutmonda federacio de blindul-organizaĵoj ne ekzistas kaj ne povas ekzisti, ĉar ĝi havus nenion por fari", kategorie deklaris iu kondukanto de la blindulmovado en lia propra lando. Bone! Por li kaj por kelkaj aliaj, internacia blindul-federacio kaj internacia kunlaborado de la blinduloj estas nenecesa — ĝis nun.

organizado estas nepre necesa. Ĉiu ano de U.A.B.O. sentas tiun neceson. Por tiu neceso ni kuniĝis en nian U.A.B.O.n. Preskaŭ ĉiuj el ni estas ĝis nun esperantistoj. Ĉar nur sur la fundamento de reciproka interkompreniĝo nia internacia movado povas ekzisti; ĉar nur sur la vojo de Esperanto ni povas atingi nian celon: amika kunlaborado por la tutmonda samsortanaro. Ni blindaj esperantistoj formas la Kernon, ĉirkaŭ kiu kreiĝas iom post iom, malrapide sed certe, la tutmonda blindulmovado, alivorte, la popolo de la blinduloj. Sen tiu kerno la evoluc de internacia kunlaborado inter la blinduloj mem ne estas ebla. Tial, saĝe ni agis, unue formante tiun kernon, ĉar la kerno nun ekzistas, ni neniel bezonas nervoze rapidi. Trankvile sed diligente, energie, ade ni laboru plu!

Kelkaj el la plej eminentaj kondukantoj de la naciaj blindulorganizaĵoj, depost la porblindula mondkongreso en New York, povas formi novan internacian blindulfederacion s e n Esperanto. Ni U.A.B.O.anoj dubas pri la sukceso de tiu provo, ĉar ni scias, kiom nepre necesa por tiu entrepreno estas vere internacia kaj neŭtrala lingvo; sed kompreneble ni neniel volus malhelpi al la provo, kiu eble, kvankam kun negativa rezulto, utilos al nia internacia afero.

Dume, jen estas la kerno, U.A.B.O., preta por akcepti ĉiujn organizaĵojn, kiuj deziras partopreni tutmondan kunlaboradon de la blinduloj.

La statutoj de U.A.B.O. estas riceveblaj senpage, presitaj en brajlo.

Trankvile, diligente ni laboru plu, kie ajn ni estas bezonataj.

Jen nia vojo!

En majo 1932

H. Thilander R. Israels

sekretarioj de U.A.B.O..

====================

